# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

35a jaro Majo-junio 1983 N-ro 3

Kelkaj partoprenantoj de la 24a IFES (Bayrisch Eisenstein, D) pretaj por iri al la vastaj neĝkampoj.

## REDAKTORA BABILO

Tremas miaj membroj dum la skribado. Ĉar kiel aspektas ĉe la legado? Sciu, ke daŭre altiĝantaj kostoj devigas nin serĉi novajn vojojn. La samtempa strebo al pli inda aspekto de IF ŝajne kaŭzas kolizion inter tiuj du aferoj.

Tamen ni esperas, ke la nuna aspekto plaĉas, taŭgas kaj ekonomie eblas. Nova presejo, pli avancita tekniko, ŝajne malpli alta preznivelo, daŭre multe da libervola laboro ... ni vidu.

Laŭenhave ni devis elekti inter same valoraj kontribuaĵoj. Al pluraj fidelaj raportantoj ni devas peti paciencon. Sed ne perdu la kuraĝon. Daŭrigu la laboron, kaj daŭre trejnu la arton koncizigi.

Atentu pri la venonta redaktofina dato.

Ĝis en Ostendo!

red

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

La gvidanto de Fervoja Koresponda Servo de IFEF (FKS) vesperon post vespero sidas ĉe sia skribotablo tordante siajn manojn kaj deŝirante siajn harojn, ĉar mankas al li la letero, do eble tiu de vi!

Ni ripetu la regulojn, kaj ĝuste nun, kiam finiĝis la vintraj kursoj, niaj kolegoj novbakituloj bezonas kontaktojn translimajn. Helpu al ili!

FKS celas havigi al siaj membroj, same al kurs-gvidantoj kaj komencantoj korespondantojn laŭ ilia deziro. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Ĉiu persono, kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn, aldonu internacian respondkuponon aŭ francajn poŝtmarkojn por ĉiu dezirata korespondadreso.

Do, senhezite enskribigu vin ĉe:

Fervoja Koresponda Servo (FKS)
p/a s-ro J Demissy,
18 avenue du Lieutenant Bourguignon,
F-55600 Montmedy (Francio).

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, pri kiaj temoj ktp.

Ĉiu enskribinto certigu, ke ŝi/li respondos almenaŭ unu fojon!

Bonan korespondadon.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK-9891 Tolne

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Sabato<br>04.06.83 | | | | | | | | | | | Estraro-<br>=====<br>LKK | | Interkona vespero | | | |
| Dimanĉe<br>05.06 | | Ekumena<br>Diservo<br>+++++++ | *** Koncerto | Inaŭguro | | | Gvidataj urbo-vizitoj<br>********** 1<br>Hist.Kom.<br>===========<br>Fakprel.Kom<br>=========== | | ********** 2 | | | | Muzika kaj folklora vespero | | | |
| Lundo<br>06.06 | Terminara Komisiono<br>====================== | | | | | Duontaga ekskurso A (Bruĝo)<br>oooooooooooooooooooooooooooooo | | | | | | | Distra vespero | | | |
| Mardo<br>07.06 | | Komitat-kunsido<br>(nepublika) | | | | Duontaga ekskurso B (Zeebrugge)<br>oooooooooooooooooooooooooooooooooo | | | | | | | | | | |
| Merkredo<br>08.06 | | Unua plenkunsido | | | | | 1a fak-<br>prel.<br>----- | Karil-<br>jona<br>******<br>koncerto | | Fakaj<br>aktualaĵoj<br>------ | | | Internacia balo → | | | |
| Ĵaŭdo<br>09.06 | | Dua plenkunsido | | | | | 2a fak-<br>prel.<br>-----<br>Term.Kom<br>=========== | Redak-<br>tora<br>----- | Nacia Ferv<br>orkestro | | | | Ev. filmoj<br>---------<br>Term.Kom<br>============ | | | |
| Vendredo<br>10.06 | | Tuttaga ekskurso C<br>oooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooo | | | | | | | | | | | Solena fermo<br>Adiaŭa vespero | | | |

Fest- k Kulturpalaco: —— festsalono, --- kinejo, +++ preĝejo, === hotelo, ooo ekskurso, *** ekstere

PROVIZORA PROGRAMO
de la 35a IFEF-Kongreso en Ostendo - 04.-10.06.83.




# 35a IFEF-KONGRESO

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

04 - 10. JUNIO 1983

OSTENDO (BELGIO)



Ankoraŭ eblas aliĝi al la kongreso. Pri ĝi legu ankaŭ en IF n-roj 5-6/1982 paĝoj 75-77, 1/1983 paĝoj 3-5 kaj 2/1983 paĝoj 19-23.

Al tio ni povas aldoni, ke

- principe la belga poŝto akceptis starigi poŝtoficejon en kongresejo kaj uzi almenaŭ dum kelkaj tagoj specialan stampon; do preparu vin por amasa sendado de salutkartoj de la kongreso,

- eldoniĝis poŝtkarto montrante pratipan lokomotivon + scenon de veturado de siatempa trajno, kun jena teksto en Esperanto, franca kaj nederlanda: "UEA havas konsildonan voĉon ĉe la UNESCO. La IFEF kunlaboras kun la UIC-FISAIC (Internacia Asocio de Fervojoj - Internacia Federacio de Artaj kaj Intelektaj Asocioj Fervojistaj). Ĉi apude bildo el la UIC-filmo de la Nacia Societo de la Belgaj Fervojoj - "125 Jarojn Poste" kiu estas havigebla ankaŭ kun esperanto-teksto,

- LKK-prezidanto Lucien De Sutter kaj kasisto Ady De Sutter kune kun ĝis nun anonimaj helpantoj forte laboras, por ke ĉio estu preta je alveno de la kongresanoj, plej multaj ŝajne sabate la 4an. Multaj internaciaj trajnoj finas sian vojaĝon en Ostendo, do la kongresurbo estas facile atingebla. De stacidomo al kongresejo kaj hoteloj estas nur kelkminuta promeno,

- ĉar veturas ĉiuhore 3 trajnoj inter Ostendo kaj Bruĝo, ĉar la veturo daŭras nur 15 minutojn, kaj ĉar Bruĝo estas tiom interesega, kunportu vian karton por reduktita prezo de biletoj. Ĝi povus esti utila,

- vi nepre kunportu vian bankostumon, ĉar ne malpli ol kvin sablostrandoj estos tre proksimaj al vi,

- vi tamen profunde studu la kongresproponojn kaj la raportojn, por ke vi estu preparita ankaŭ por la serioza parto de la kongreso.

Ĝis revido en Feest- en Kulturpaleis, kongresejo de nia 35a.

## KELKAJ GRAVAJ ALDONOJ AL TAGORDO KTP DE LA 35A IFEF-KONGRESO

Bonvolu kompari kun paĝoj 19-23 de IF n-ro 2/1983.

A. Al la tagordo de Plenkunsido en 2 partoj (publika) aldonu plian punkton sub pto 15 (Rilatoj al aliaj organizoj): "15.5. Itala sindikato FISAFS."

B. Al la KONGRESPROPONOJ aldonu plian proponon:

Kongrespropono n-ro 6:
(La propono alvenis ĝustatempe, sed la komentarioj nur poste. Pro tio ni povas nur nun publikigi ĉi tiun proponon)

IFEA proponas:

En ĉiu IFEF-kongreso estu planita publika kunsido dum kiu reprezentanto de landa sekcio, kiu havas ion por raporti, ilustri al la ĉeestantoj la eventualajn atingojn ĉe la fervojistaj medioj de sia lando.

Se la afero montriĝos oportuna, la estraro nomumos IFEF-komisiiton, kiu, surbaze de la faritaj raportoj, pretigos laborplanon.

Siavice ankaŭ la IFEF-sekcioj nomumos komisiiton, kiu kunlabore kun la centra IFEF-komisiito, kunordigos la agadon ĉe la ne-esperantistaj fervojistaj organizaĵoj de sia lando.

La centra IFEF-komisiito pretigos ĉiujare raporton por la estraro.

Komentario de IFEA:

Opiniante, ke la esperantistaj fervojistoj estas antaŭ ĉio esperantistoj, kiuj devas peni atingi la finan venkon de Esperanto agadante individue kaj kolektive;

opiniante, ke por kontribui al la fina venko la esperantistoj devas ĉefe konvinki la ne-esperantistajn organizaĵojn interesiĝi pri la lingva problemo kaj, konsekvence, preni iniciatojn pri ĝia solvo Esperanto;

opiniante, ke nur la esperantistaj fervojistoj (kiel fakuloj) povas efektivigi agadon ĉe ne-esperantistaj fervoj-

istaj organizaĵoj (eŭropa asocio de fervojistoj, fervojistaj sindikatoj k.s.);

en la konvinko, ke por agadi konkrete la fervojistoj devas scii:

- kiaj rezultoj estas eventuale atingitaj en la sama medio en alia lando;
- kiel oni agadis por atingi la eventualajn rezultojn.

ĉefkomitatano

C. Atentigo pri la kongresa programero "Aktualaĵoj el via lando".

Ĝi okazos merkrede la 8an de junio kaj enhavos mallongajn raportojn de pluraj landaj asocioj, pri aktuala kaj interesa fervoja novaĵo de la koncerna lando.

La estraro konsideras ĉi tiun programeron tre grava kaj subteninda, ĉar ĝuste la rapida kaj senpera interŝanĝo de interesaj novaĵoj estu unu el niaj fortoj, kaj ĝi povas esti forta argumento antaŭ fervojaj administracioj.

Do bonvolu relegi la instigon de la Fakprelega Komisiono sur paĝo 5 de If n-ro 1/1983.

# EL LA LANDAJ ASOCIOJ

*BAEF (GB)*

Per eldono de informfolio JEN fine de februaro niaj britaj kolegoj reaperas sur la scenejon; JEN estas redaktata de David Wild kaj intencas trakti plej diversajn fakajn aferojn. Bonvenon al JEN kaj gratulon al BAEF.

*GEFA (D)*

Jarkunveno 1983 okazos en la nordgermana urbo Lüneburg la 7an-9an de oktobro. Lüneburgan erikejon multaj el ni konas laŭnome kaj kelkaj ofte trapasis ĝin trajne. Do nun eblos resti tie inter geamikoj.

*JAFE (YU)*

"Jugoslavia Fervojisto", la organo de JAFE, enhavas en sia n-ro 2/1982 interesan artikolon pri trafika sistemo de Popola Respubliko Mongolio. Oftas en tiu periodaĵo interesaĵoj.

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI LA JARO 1982

*Antaŭrimarko*

Niajn estimatajn gelegantojn ni petas, studi tiun ĉi raporton samtempe uzante la respektivajn numerojn de "Internacia Fervojisto". Ni klopodas doni la necesajn indikojn por plifaciligi la komprenon. Ankaŭ rekomendindas, utiligi la jarraportojn de antaŭaj jaroj.

*Niaj mortintoj*

Ni eksciis pri jenaj mortintaj membroj:

| | |
|---|---|
| Ĉeĥoslovakio: | Miloslav Blaẑek |
| | Jindrich Stancl |
| Francio: | André Blondeaux |
| Germanio: | Erwin Böhm |
| | Franz Scherak |
| | Wilhelm Söhngen |
| Italio: | Claudio Pivari |
| Jugoslavio: | Marinko Ĝivoje |
| Nederlando: | H.A. Berends |
| | F.J. Brouwers |
| | Paul Kassenaar |

Svislando: Walter Sonderegger
ITF: Adalbert Vojtech Klatil

Ili ripozu en paco!

*Membrostato*

La membrostato altiĝis iomete. IFEF havas nun 68 membrojn pli multe ol en la pasinta jaro, entute 2538 (inkluzive 12 honorajn membrojn). Ĝojiga estas la evoluo en Belgio, Bulgario, Pollando kaj Svedio. Vidu la raporton de la kasisto (**IF** 2/83).

*Honorigoj*

Ĉar Hungario nun estas membro de FISAIC, eblis honori d-ron István Bácskai per ora medalo de FISAIC en la 34a IFEF-kongreso Balatonfüred.

*Agado de la estraro*

Estrarkunvenoj okazis en marto en Næstved (DK), dum la 34a kongreso en Balatonfüred (H) kaj en aŭgusto en Bergen (N). La estraro pritraktis diversajn gravajn temojn, i a la IFEF-jubileon (1984), la 100-jaran jubileon de Esperanto (1987), la laborplanon, precipe la enketon "laborkondiĉoj de fervojistoj", financajn problemojn kaj ne laste la 35an kongreson.

La estraranoj partoprenis en diversaj kunvenoj. Sed ne estas eble, ke IFEF al ĉiuj kunvenoj sendas reprezentanton.

Prezidanto partoprenis en Münster (GEA), Friedberg (GEFA), Antwerpen (U E A), Pardubice (ĈEA), Bydgoszcz kaj Varsovio (Monda Turismo). Li persone gratulis en Amsterdam pro la 80a naskiĝtago de eksprezidanto de Jong.

Vicprezidanto partoprenis en Norvega Jarkunveno kaj Nordia Kunveno.

Sekretario partoprenis en Münster (GEA), Friedberg (GEFA).

Redaktoro partoprenis en Antwerpen, Odense (DEFA), Nordia Kunveno.

Kasisto partoprenis en Odense, Nordia Kunveno, FISAIC-prezidantaro en Bengtsfors (S), FISAIC-ĝenerala asambleo en Bayersbronn (D).

Ni instigis la hungaran sekcion peti MÁV instali okaze de UK Budapest en la kongresejo oficialan informejon kaj eble eĉ biletvendejon.

Tre vigla diskutado dum la lasta estrarkunveno kaj korespondado inter la estraranoj okazis pri la estonta nomo de "Internacia Fervojisto" (vidu kongresproponojn IF 2/83).

La Germana Biblioteko en Leipzig (GDR) estas gravega arkivo por la germanlingva regiono, kiu ankaŭ kolektas nian "Internacia Fervojisto"n. Ili eĉ petis kelkajn mankantajn numerojn. Kompreneble ni plenumis la peton.

*Laborplano (IF 2/82)*

Entute oni povas konstati, ke kaj la estraro kaj la komisionoj kaj landaj asocioj sincere klopodas plenumi la laborplanon.

Multe da laboro kaŭzis la preparado por la enketo "Laborkondiĉoj de Fervojistoj". La estraro starigis demandliston, kiun la ĉefkomitatano sendis al la landaj asocioj. Ni esperas havi interesajn rezultojn kompare al simila enketo antaŭ 10 jaroj.

Denove la Terminara Komisiono povis anonci gravajn progresojn. Ili pli kaj pli alproksimiĝas al la celo povi prezenti la fintradukitan materialon. Estas mirinde, kiom da pozitiva laboro faris la komisiono dum la pasintaj 5-6 jaroj, nelaste pro la seninterrompa akordigo helpe de "Terminara Kuriero" kaj per interkongresaj kunvenoj.

La Fakprelega Komisiono realigis tre konstruan ideon en la 34a kongreso. Kolegoj el 4 landoj informis per kelkminutaj referaĵetoj pri aktualaĵoj en siaj landoj, salutinda novaĵo, al kiu oni povas deziri prosperan vivon en estontaj kongresoj.

La Historio Komisiono laŭplane laboris. Ĝi sukcesis pretigi pli ol duonon de la manuskriptoj pro la planita broŝuro. Preskaŭ ĉiuj fotoj estas kolektitaj. Ne jam findecidite estas pri la presejo. Kaj ankaŭ la financigo ankoraŭ ne tute estas certigita (vidu kongresproponon en IF 2/83).

*Aranĝoj*

a) La 23a Internacia Skisemajno okazis en Morzine (Francaj Alpoj) de 27.2. ĝis 6.3. kun 80 partoprenantoj.
b) 34a Kongreso de IFEF (If 3/

82). Ĝi okazis de la 2a ĝis la 8a de majo en Balatonfüred (H) kun 605 partoprenantoj el 22 landoj. Protokolo pri ĝi aperis en IF 3/ 1982. La kongreso havis imponajn kulturajn kaj fakajn programerojn. Fakprelego: "La estonto de la Eúropaj Fervojoj kaj la rolo de la Hungaraj Ŝtatfervojoj (MAV)". La fakprelega komisiono surprizis en sia kunveno per nova programero "Aktualaĵoj el via lando". Funkciis ankaú sendstacio de radioamatoroj. Aliaj gravaj aferoj: Rezolucio, ekumena diservo, ekskursoj, prezentado de fervojaj uniformoj, publika ekspozicio kaj kelkaj gravaj oficialaj aranĝoj.

c) Fervojista Tago dum la 67a UK en Antwerpen (B) (IF 4/ 82). Vicprezidanto Per Engen verkis prelegon "Kelkaj pensoj pri la stato de la fervojoj kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo". Redaktoro E Henning Olsen voĉlegis ĝin en la kontaktkunveno dum la Fervojista Tago, kiu krome enhavis tre interesan fakekskurseton al la Kontenera Terminalo de la Belgaj Fervojoj en Antwerpen. Dum la tuta UK deĵoris 3 fervojistoj, disponigitaj de la fervojo, en la kongresejo.

*Informado*

Kiel unu el la plej gravaj punktoj de la laborplano (ties cif. 5 kaj 26) la informado estas kvazaú memstara programero de nia agado. El la ĉiujaraj raportoj de la landaj asocioj ekkoneblas, ke preskaú ĉie oni klopodas doni informojn al ekstermovadaj personoj kaj instancoj, ekz helpe de informiloj, flugfolioj, afiŝoj, prelegoj kaj ankaú en jarkunvenoj kaj aliaj kunvenoj. Komprenenble La IFEF-kongresoj ĉiam estas utiligitaj ĉi-cele.

*Eksteraj rilatoj*

*UEA*

Kun UEA ni flegas bonajn kontaktojn. La tekston pri IFEF en la jarlibro de UEA sub la rubriko "fakaj asocioj" ni ĝisdatigis. UEA invitis al Münster (D) (30.5.82) por trakti la Jubilean Jaron de Esperanto (1987). Partoprenis reprezantoj de multaj Esperanto-organizoj, flanke de IFEF prezidanto Giessner kaj sekretario Rösemann, kiuj ankaú en venontaj konferencoj estos la kunlaborantoj. IFEF komunikis al la "Jubilea Kunordiga Komitato" - fondita en Münster - kelkajn ideojn, kiujn IFEF povus kontribui (i a Historio-broŝuro de IFEF, eldono de fakliteraturo, informado, Internacia Lingvo en horarlibroj kaj fervojaj prospektoj).

*FISAIC*
La bonaj rilatoj esprimiĝis en la fakto, ke la prezidanto de la ÖBB-direkcio, Wien, kortega konsilisto d-ro E Semmelrath, alparolis la 34an kongreson en senriproĉa Esperanto kaj distingis la prezidanton de la hungara asocio per ora FISAIC-medalo. Tiu kongreso povis okazi sub aúspicioj de FISAIC, ĉar finfine post jarojn longaj klopodoj flanke de la esperantistoj Hungario en aútuno 1981 membriĝis en FISAIC.

Estas menciinde, ke la IFEF-kasisto kaj prezidanto de la dana IFEF-asocio ankaú apartenas al la prezidantaro de la dana FISAIC-sekcio.

*FIRAC*
La kontaktoj al FIRAC (radioamatoroj) ankaú estas daúrigataj. Kelkaj membroj en diversaj landoj, precipe D kaj F daúre kunlaboras. Tamen estas penige, konvinki la neesperantistojn inter la radioamatoroj pri la utilo de Esperanto por ilia okupo.

*IPTEA*
Antaú nelonge ni kontaktis al la prezidanto de IPTEA (Esperanto-Asocio de la Poŝtistoj). Ni provas flegi bonajn kontaktojn al la frata fakorganizo.

*Perspektivoj*
En la venontaj jaroj IFEF devas plenumi ampleksan laboron, ekzemple la preparojn por la IFEF-jubileo (1984) kaj por la Esperanto-jubileo (1987). Tial estas nia plej grava tasko, gajni novajn membrojn (precipe junulojn), por solvi la multflankajn problemojn, sed ankaú por savi nian federacion de malrapida morto pro troaĝiĝo de la membraro. Ni devas pruvi, ke nia komuna lingvo taúgas en internaciaj rilatoj, tutspeciale sur nia faka tereno, kaj ke Esperanto servas al la amikeco inter la popoloj, antaú ĉio en nia internacia fervojista familio.

Sekretario Otto Rösemann

## REDAKTORA RAPORTO

Internacia Fervojisto eniras periodon de ŝanĝiĝoj kaj evoluo.

En Balatonfüred okazis redaktorŝanĝo, kaj post jaroj de trankvila kaj stabila agado ni nun antaúvidas provojn, skuojn, eksperimentojn.

Pro financaj kaúzoj ni eldonis nur 5 numerojn en 1982 (la lasta nomiĝis n-ro 5-6), sed tamen ili ampleksis entute 88 paĝojn, kompare al 80 paĝoj en 1981 kaj 100 en 1980.

Fidele tajpas prespretajn manuskriptojn Erna Hauge, kio ege faciligas la redaktan laboron kaj ŝparas grandajn sumojn.

Same fidele presis kaj ekspedis ĝis n-ro 2/1983 Esperanto-Press Augsburg (D) kaj estu direktata al ges-roj Schmid grandan dankon pro zorgema plenumo de tiu tasko.

Sed kiel vi vidas per ĉi-tiu numero, ni transiris al alia paperspeco kaj alia presejo. Ni esperas ke tio donos al ni pli da teknikaj eblecoj, kaj ŝajne kun samaj aŭ eĉ malpli grandaj kostoj.

Ni klopodis en la lastaperintaj numeroj plie emfazi la fervojfakan karakteron de IF. El tio mi petas pri vigla kunlaboro kun aro de raportantoj, ĉar okazadas kaj ekzistas tiom da interesaĵoj pri la fervojoj en la tuta mondo, kaj kiu periodaĵo estu pli natura ilo por disheroldi tiujn novaĵojn kaj informojn ol ĝuste la organo de IFEF!

Se vi rigardas la kongresproponon 5 (IF 2/1983 pĝ 23), vi vidas ke la estraro proponas novan nomon de nia organo, kaj mi esperas, ke la komitato akceptos unu el la proponitaj titoloj, ĉar .... Nu, legu la komentarion.

Dankon pro interesa unua jaro.

La redaktoro

---

# IFES 1983 EN GERMANIO

Antaŭ 24 jaroj "naskiĝis" la fervojista skisemajno IFES. Pasis la lernojaroj, la "junulo" maturiĝis - kaj ĉiujare travivas novajn aventurojn. Foje li ŝatas reveni al jam konata loko, foje li esploras novajn terenojn ...

Sabaton, la 22an de januaro, la partoprenantoj de la 24a IFES atingis la stacion Bayerisch Eisenstein, kiu situas ne apud sed sur la landlimo inter Germanio kaj Ĉeĥoslovakio. Oni kolektiĝis en hotelo "Waldspitze". Ĝi ne plaĉis al ĉiuj, iuj ĉambroj ne estis same komfortaj kiel aliaj, kelkaj el ni devis eĉ loĝi en apuda do-



mo, sed ĝuste tiu hotelo estis la sola, kiu disponis pri pli ol 80 litoj (eble pro tio la prezoj por trinkaĵoj estis relative altaj). Tamen tio estis la sola negativaĵo, pri kiu mi devas raporti. Ĉion alian "glatigis" la organizantoj Vitus Röder kaj Elfriede Kruse.

Bayerisch Eisenstein situas en la Bavara Arbaro, do en la meza alteco, for de la alpa regiono, la plej alta monto en proksimeco, la Arber, atingas 1456 metrojn. Niaj sindonaj skiinstruantoj faris ĉion eblan por movigi, spertigi, konsili, konsoli, kaj tamen ĝojigi eĉ dum pluvo sian anaron: Anni Wiesmann, plej ŝatata de ĉiuj, kun pacienco de obstine senkulpa ŝafido, Max Wiesmann, Johano Mevel, Josef Weidacher, ĉiu el ili meritas grandan laŭdon kaj dankon. Johano Mevel iun vesperon eĉ transformiĝis al "Johanino, la servistino" (nia bildo), portante trinkaĵojn kaj manĝaĵojn al la kapriĉaj gastoj ...

Bedaŭrinde la vetero ne dorlotis nin, sed la ĉiam gajaj vesperoj zorgis por ekvilibro. Oni ludis, oni kantis, oni naĝis (la hotelo disponis pri propra varmbanejo), oni ĝisoste ridis kaj krome la tre ŝatata franca grupo jam preskaŭ profesie per sia "Radiotele-krokodilo" zorgis por sufiĉe da ridlarmoj.

Aŭtobusa ekskurso al Zwiesel estis organizita je tago de tre malfavora vetero. Unua halto ĉe produktejo por digesta likvoro "Bärwurz", kiu hejtis nin de interne. Dua halto ĉe vitrofabriko, kie nin hejtis de ekstere la granda fandforno kun la varmega vitrosubstanco, kaj kie nin ravis la buŝe blovitaj pokaloj, glasoj, kalikoj kaj artaĵoj. Tria halto – la arbara muzeo kun pli da sciindaĵoj kaj rigardindaj eksponaĵoj ol ni povis percepti dum la disponebla tempo.

Antaŭ la vespermanĝo ĉiutage estis okazo por komencantoj lerni Esperanton kaj por progresintoj konversacie praktiki la lingvon. Sed kio estus IFES sen konkursoj? La piedirantoj ricevis komplikan taskaron, la skimigrantoj sin ŝovis pene tra la pluvomalseka neĝaĵo, la alpinaj konkursoj same suferis pro malfavora vetero, kaj fine la malfacilaj taskoj de la lingva konkurso ŝvitigis pli ol tridek partoprenantojn. Belaj premioj, pokaloj, vitraĵoj kaj libroj, atendis la gajnintojn. Jen la listo de la unuaj el ĉiu grupo, viroj kaj virinoj aparte: Longdistanca skiado: Elisabeth Röder (D), Friedrich Hilbert (D) ĉe la komencantoj; Josette Vonay (F), Rüdiger Becker (D) ĉe la progresintoj; alpina skiado: Hedwig Weidacher (D), Medardo Biagi (I) ĉe la komenc-

antoj; Ana Ĉumbelić (Yu), Josef Weidacher (D) ĉe la progresintoj; Franz Scharf (A) ĉe la spertuloj. Lingva konkurso: Maresa Gimelli (I) ĉe la komencantoj, Marie-Denise Hervuet (F) ĉe la progresintoj, André Aude (F) ĉe la spertuloj. Piedirantoj: Gérard Horn (F). La IFEF-premion - kombinaĵo el lingva kaj skiada konkursoj - plenmerite gajnis Josef Weidacher (D).

Nepra kulmino estis la lasta, la "bavara" vespero. Anni Wiesmann venigis el Grafenau "sian" kvarteton, el Plattling venis lokomotivista triopo, (kiu jam kantis esperantlingve en televido), ĉiuj en folkloraj kostumoj. Ili plezurigis nin en Esperanto kaj en bavara dialekto per regionaj kaj folkloraj kantoj. kaj ili vere kortuŝis nin. Koran dankon por tiuj horoj. Ĝis revido 1984 en Maria Alm, Aŭstrio.

Elisabeth Ritterspach

# FERVOJOJ DE LA MONDO

*La fervojlinio Subotica-Novi Sad 100-jara*

Sen ia ajn troigo oni povas aserti, ke la konstruadon de fervojlinioj sur la balkana duoninsulo determinis la packongreso en Berlino, kiu daŭris tutan monaton, de la 13a de junio ĝis la 13a de julio 1878. Se oni konsideras, ke la ĉefaj trajtoj de la packontrakto koncernis la juran staton de ĵus liberiĝintaj ŝtatoj - Serbio kaj Bulgario - de sub la turka jugo, povas por momento ŝajni stranga la fakto, ke ilian sorton oni fiksis ekster ilia teritorio. Sed la ĉeesto de ses eŭropaj potencoj evidentigas, ke ili ĉiuj havis aŭ celis etendi iliajn interesosferojn al la balkana duoninsulo. Ĉar fizike tio ne iris restis la ekonomia premo per la plej nova rimedo - per konstruigo de fervojlinioj!

Praktike tio okazis jene. La eŭropaj potencaj ŝtatoj rekonis la sendependecon de Serbio kaj Bulgario, sed samtempe oni devigis ilin kun Turkujo kaj Aŭstro - Hungara monarĥio je konstruado de fervojlinioj kaj branĉlinioj de Vieno, respektive de Budapeŝto al direkto de balkana duoninsulo. Tiel iom kaŝe ili klopodis atingi unue Konstantinoplon, sed poste per politiko "Penetro al Oriento" eĉ malkaŝe revis pri fervojlinio Berlino-Bagdado.

Konforme al la packontraktaj preskriboj, la tiamaj hungara kaj serba registaroj subskribis konvencion jam dum la packongreso la 8an de julio 1878. Laŭ ĝi, la hungara registaro devoligis sin konstrui la fervojlinion de sia ĉefurbo ĝis

la tiama limo kun Serbio, kiu estis meze de rivero Sava. Poste tio estis modifita tiel, ke la finstacio estu Zemuno, ke la hungara ŝtato konstruos ankaŭ la ligon ĝis Beogrado, kio fariĝu komuna limstacio. Samtempe la serba registaro devontigis sin al plukonstruado de ĉi tiu linio de Beogrado ĝis Niŝ, de kie gvidos du branĉlinioj: ĝis la bulgara limo, de kie la bulgaroj plukonstruos ĝin ĝis Konstantinoplo, respektive tra Skopje al havenurbo Tesaloniko. La limdato por ambaŭ devoligoj estis fiksita por la 15a de junio 1883.

Proksimume du jaroj pasis ekde la subskribo de ĉi tiu konvencio ĝis kiam oni komencis la konstrulaborojn. Mankis mono kaj fakuloj, mankis ankaŭ sperto en tiaspecaj laboroj. Tiel la liniokonstruado okazis laŭ ĝiaj partoj. La unuan parton oni transdonis al la trafiko de Budapeŝto ĝis Subotica la 5an de decembro 1882. La duan linioparton de Subotica ĝis Novi Sad oni transdonis al la trafiko la 5an de marto 1883. Daŭrige oni tutan jaron laboris por konstrui la fervojan ponton trans la Danubo ĉe Novi Sad kaj por trabori du tunelojn: sub la fortikaĵo Petrovaradin kaj ĉe vilaĝo Ĉortanovci. Tiu parto estis transdonita al la trafiko la 10an de decembro 1883. Denove tutan jaron oni laboris super la ponto trans la rivero Sava kaj limstacio Beograd. Ĉi tie ligfervojo inter Zemuno kaj Beogrado estis transdonita al la trafiko la 15an de decembro 1884.

Laŭ 100-jara retrorigardo ni povas konstati, ke la fervojlinio konservis sian gravecon ĝis la hodiaŭaj tagoj. Pro tio jam kelkajn jarojn daŭras la modernigo de ĉi tiu linio. Unue oni altigis la aksopremon al 20 tunoj kaj la rapidecon al 100 km/h. Por la horaroŝanĝo en la jaro 1980 ektrafikis la elektraj lokomotivoj, la pasintan jaron aperis la elektromotoraj trajnoj. Momente daŭras la instalado de modernaj signal-sekurigaj instalaĵoj celante enkonduki la telekomandon sur la tuta linio.

Inĝ Ludoviko Sekereŝ



## ESPERANTO-TRAJNO AL BUDAPEŜTO

Diversaj Esperanto-unuiĝoj komune aranĝos apartan "Esperanto-trajnon" de Kolonjo al Budapeŝto okaze de la 68a UK.

Ĝi ekveturos el Kolonjo vendredon, 29.07.1983, ĉ 22 h, kaj alvenos al Budapeŝto sabaton, 30.07., ĉ 15 h, do 5 horojn antaŭ la Interkona Vespero. Reveturo: sabaton, 06.08, ĉ 16 h, reveno en Kolonjo 07.08. ĉ 11 h. La trajno survoje nenie haltas!
La Esperanto-trajno konsistos el unu sidvagono kun ĉ 70 sidlokoj kaj 9 kuŝvagonoj kun ĉ 500 kuŝejoj. Prezo: 255 gmk en sidvagono, 299 en kuŝvagono (la normala bileto kostas pli ol 400 gmk!)

Cetere, oni povas veturi al Budapeŝto ankaŭ jam unu semajnon pli frue, la 22an de julio (TEJO-kongreso, UEA-seminario) kaj reveni la 13an de aŭgusto (pro Blindul-kongreso, postkongresaj aranĝoj ktp). Por tiu homgrupo la Germana Fervojo rezervas lokojn en la regula Ostendo-Vieno-Express sur la linio Kolonjo-Budapeŝto kaj reen, por 16 gmk pli. Ekzistas tre oportunaj koneksaj trajnoj el Nederlando, Belgio, Britio, Francio, Danlando kaj FRGermanio por atingi la Esperanto-trajnon vespere en Kolonjo.

Ĝis la 6a de februaro 200 biletoj jam estis venditaj.

Skribu al: Esperanto-Centro, pf 1450, D-4790 Paderborn. Vi havos respondon post tri tagoj.

## NEKROLOGOJ

La 17an de decembro 1982 mortis pro koratako tute ne atendite *F.J. Brouwers* en la aĝo de preskaŭ 62 jaroj.

Franz lernis Esperanton antaŭ la milito en grupo en Amersfoort (NL). Li estis ano de FERN ek de la fondo en 1946a. Kvankam li ne aktive partoprenis en la klublaboro, li ĉiam estis entuziasma pri nia lingvo.

\- - -

La 12an de januaro 1983 forpasis en Harlingen (NL) nia kolego *Herman Hendrik Weulen Kranenberg* en la aĝo de 96 jaroj!

Dum la lastaj jaroj li loĝis ĉe filino en Harlingen , antaŭe li vivis en Amersfoort. Li ne plu ĉeestis en la kunvenoj, sed li ĉiam ĝojis pri la (maloftaj) kontaktoj kun iu el Fern. Ek de 1958 li estis membro, sed ankaŭ ekster nia rondo li estis aktiva esperantisto.

Ke ili ripozu en paco! IFEF

## TURISMA ATINGAĴO

Informas nin s-ro Aude el Francio, ke "de nun teksto en Esperanto estas havebla en la Kastelo de Amboise, en la valo de Loire en Francio. Esperantistoj vizitantaj tiun kastelon estas invitataj ĝin peti surloke".

Gratulon al tiu grava atingaĵo, rezulto de plurjaraj klopodoj kaj grava al nia plua laboro.

## MONATO povas esti bona suplemento al IF

Multaj el niaj legantoj certe konas la internacian sendependan magazinon MONATO (eldonejo TK/Stafeto, Miksebaan 65 A, B-2130 Brasschaat, Belgio, jarabono 960 bfr).

Ĝi pritraktas grandan spektron da temoj, ne pri sed en Esperanto.

Ofte legeblas artikoloj aŭ noticoj pri fervojaj aferoj, ekzemple en numero 3/1983 oni povas legi pri 22-kilometra submara tunelo en Japanio kaj pri provtunelo por 53,85 kilometra porfervoja submara Seikan-tunelo pretigota en 1986 kaj pri poŝtaj eksprestrajnoj en FRGermanio. Aperas ankaŭ validaj informoj pri fervojaj rabateblecoj.

## ENHAVO



La redaktofino por la venonta IF estas 25.6.83.

Preso: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved